Redakcio kaj Administracio: MISIONES 369 Buenos Aires

# Argentina Esperantisto

Oficiala Organo de Argentina Esperanto-Asocio

Jara Abono: Enlande, $ 2.- Ekstere 2 sv.f. Spec. 1 resp.k.

 Julio-Augusto 1936  N-ro. 124-125 



## LA TAGO DE ESPERANTO

Sendube ni ĉiuj konsentos pri tio ke la tutmonda esperanta movado ne kreskas tiel rapide kaj sukcese kiel ni ĉiuj deziras. Tamen, se oni atente ekzamenas la kaúzojn, ni ne tro surpriziĝos, kaj, eĉ trovos logika ke la afero estu tiel.

Vivas nia mondo premata kaj turmentata de la plej gravaj kaj kapdolorigaj aferoj. Vaste regas la krizo ĉe la homa vivo; krizo ĉe la laboro, krizo en la komerco, politiko, en la ŝtataj interrilatoj, k.t.p., ĉu mirinda se la publika atento deturniĝas de Esperanto?

Alie, la esperantistoj ne distingiĝas per siaj originalaj kaj okulfrapantaj sistemoj de propagando. Nian laboron ni efektivigas tute senparade, kaj mulfoje, oni dirus eĉ honteme.

Ni opinias, ke estus interesa, studi iajn proponojn kun la celo enkonduki novajn propagandajn metodojn, pli modernaj kaj altirpovajn, en nia laborado por la disvastigo de Esperanto.

Certe oni aúdus iajn sugestojn, kiuj efektivigitaj, kapablus altiri la atenton de la publiko al ni, kaj sekve popularigi nian aferon. Ekzemple, laú nia opinio, estus bone ke oni priparolu la starigon de la Tago de Esperanto. Unu tago, kiun la tutmondaj esperantistoj dediĉos al ĝia diskonigo.

Tiu-cele ili okazigus manifestadojn, publikajn defiladojn, paroladojn, sportajn ludojn, kaj aliajn agadojn, laú la lokaj cirkonstancoj kaj la eblecoj de la samideanoj.

La ĉefa celo estas: 1) Atentigi la publikan opinion el la tuta mondo, pri nia ekzisto, kaj pri nia decido, plu-igi Esperanton. 2) Elmontri almenaú unu fojon jare, nian forton, la vastecon de nia movado, kaj nian komunan agadon.

ANTONIO BARROT

# NIAJ TE-VESPEROJ

La dua kaj tria te-vesperoj ankaŭ, kiel atendite, bonege sukcesis. Pri la julia festeto, malgraŭ tio, ke ni ne sukcesis (sed ni ne malesperas) aranĝi antaŭfiksitan programon, ni trovis feliĉan solvon: S-no Vila per-kino-prezentado kaj s-no Clevillé per elmontro de siaj ĵonglistaj kapabloj, aldonis viglan intereson al la verda kunveno.

Post kutima ekzercado de makzeloj ĉe la plenplenaj tabloj, alvenis la vico al la piedoj, helpe de la plej famaj orkestroj...pere de radi-aparato. Oni lotumis "multvaloran artaĵon", oni amindumis, sed... oni malmulte klopodis inokuli la verdan bacilon en la ne-esperantistojn.

Dum la aŭgusta te-vespero tiu lasta manko malaperis (aŭ preskaŭ): Du teatraĵetoj en Esperanto estis luditaj: "Virina scivolemo", prezentita de s-anino Libertad Sabaté kaj s-ano Johano Viarnés, 'Stranga Malsano", ludita de S-noj Karlo Petersen kaj Johano Viarnés. Timema provo sed kuraĝiga rezulto. Oni tondre aplaŭdis. Kaj ankoraŭ foje Clevillé ludis iom de sia repertuaro. La gastronomia parto glate rulis—nenia malkonsento—, kaj la kuirejaj heroinoj brave plenumis sian taskon.

Al k-do Lulio, kiu konstruis la novajn tablojn kaj al sinjorino Corral, kiu senlace helpis, la Festa Subkomitato volas aparte esprimi sian dankemon.

Krom tio la F. S. volas atentigi la samideanojn pri la gravo de tiaj kunvenoj. En ili ne nur estas amuzo, sed efika propagando, kaj propagando precipe taŭga por kontaktigi gejunulojn kun nia kara afero; al tiuj junuloj, kiuj laŭ la ĝenerala kredo opinias ke Esperanta societo devas nepre konsisti el kaverno de longbarbaj gramatikemuloj. Ni bezonas ĉies helpojn: ni bonvoleme akceptas kaj atendas kritikojn kaj sugestojn.

Ni ricevis de s-no A. Villanueva, krajoningon kaj plumingon tre lerte prilaboritaj de li mem, kaj de s-no Petersen, foto-aparateton. Ambaŭ donacojn oni lotumis. Imitinda ekzemplo!

---





## SUSCRIPCION pro Esperantistas Españoles

Un grupo de esperantistas ha recogido la idea de realizar una subscripción a favor de los esperantistas españoles víctimas de la actual revolución. Los interesados en participar en estas suscripción diríjanse a Juan Sabaté, Misiones 369, Buenos Aires

Lista de personas que han contribuído hasta ahora:

| | | |
|---|---|---|
| Antonio Barrot | $ | 2.00 |
| J. Martinez | ,, | 2.00 |
| G. B. López | ,, | 1.00 |
| Héctor Bobbiesi | ,, | 1.00 |
| Santos Fontán | ,, | 1.00 |
| Juan Sabaté | ,, | 1.00 |
| J. Viarnes Sabaté | ,, | 1.00 |
| Juan Sabaté (h.) | ,, | 1.00 |
| Un Esperantiststa | ,, | 0.50 |
| Angel Corral | ,, | 2.00 |
| José Sasia | ,, | 5.00 |
| A. Cranio | ,, | 2.00 |
| Pascual Bosso | ,, | 0.50 |
| J. Berman | ,, | 0.20 |
| H. Neuman | ,, | 1.00 |
| B. Carballal | ,, | 2.00 |
| Asunción M. de S. | ,, | 2,00 |
| Fermín R. Varela | ,, | 2,00 |




# ESPERANTO EN ARGENTINO

## Esperanta Rondo Lumo

Agemaj, senlacaj batalantoj estas, niaj amikoj el San Jorge.

Ne nur ili subtenas grandan aktivecon en sia loko, sed ili ankaŭ klopodas disvastigi Esperanton en apudaj urboj kaj vilaĝoj. Tiu cele ili organizis interesan paroladon en la grava vilaĝo "El Trebol", kun la helpo de la loka Instrua Rondo.

S-no L. Flury, prezidanto de la grupo Lumo, parolis pri la temo Esperanto kaj la Kulturo. La ĉeestantaro inter kiuj abundis geinstruistoj kaj intelektuloj tre atente aŭskultis lin. Ĉe la fino, la prezidanto de la Regiona Geinstruista Asocio invitis la ĉeestantojn, lerni Esperanton, kaj kiel eble plej baldaŭ, starigi esperantan grupon, kiu laŭ informoj, senprokraste oni preparas ĝian ekfunkcion.

—La komitato de la grupo Lumo intencas proponi al la Regiona Geinstruista Asocio, la enkondukon de esperantaj kursoj, en ĉiujn lernejojn de la regiono. Kompreneble, la lernado de Esperanto, estos libervola.

## Kordoba movado

Nia agema amiko S-no J. Scolnik, kiu dum la lasta sezono tiel multe pledis por Esperanto, el la loka radistacio L.V. 2, denove rekomencis sian agadon por nia afero.

La 23-an de junio, je la 17.45 horo, parolis pri la temo: La venonta Universala Kongreso de Esperanto.

S-no J. Scolnik parolos ĉiu merkrede je la 17.45 horo, el la radistacio L. V. 2.

Ni insiste petas al ĉiuj aŭskultantoj de tiuj ĉi radidissendoj, aŭ de tiuj el Rosario, ili penu por sukcesigi ilin, sendante leterojn aŭ poŝtkartojn al la radistacioj.

—La grava ĵurnalo "El Pais" de Kordobo, aperigis en la eldono de la 19 de junio, artikolon de S-no J. Scolnik, kies titolo estis. La Kongreso de Esperanto.

## Nova Esperanta Societo

Nova grupo fondiĝis en Santa Fe, ĉefurbo de samnoma provinco, kun 104.500 loĝantoj. La nomo de la grupo estas "Centro Esperantista Paco" kaj ĝian provizoran komitaton konsistigas la jenaj samideanoj: S-roj Valentin Percich, Francisco Vesely k. F-ino Maria Percich. Sidejo: Avda. López y Planes 122, Korespondado al

## San Francisco

Internacia Frateco de San Francisko (Kordobo), ŝanĝis sian sidejon, notu bone, de nun, Str. Iturraspe kaj Alberdi (Centro de Komercaj Komizoj) Korespondadon adresu al Strato Rioja 750.

## Novaj membroj de A.E.A.

Rodolfo Juan José Fucek kaj Santiago San Vicente.

**Komitato de Internacia Frateco de San Francisco (Kordobo)**

Maldekstre dekstren: S-no J. B. Tesio, (sekretario), S-no. Petro Beltramone, (lernanto), S-no. Jozefo Montenegro, (prezidanto), S-no. Aldo Lestani, (kasisto), kaj S-no. Alfonso S'antona (lernanto)



# El Esperanto en la Conferencia Pedagógica Internacional

Del 14 al 20 de Abril, tuvo lugar en la ciudad de Utrech (Holanda), la Conferencia Internacional de Pedagogía. Concurrieron 700 personas de distintos países de Europa, notables pedagogos y destacadas personalidades de la ciencia educativa. El Sr. P. Bovet, profesor de la universidad de Ginebra, durante su discurso de apertura, mencionó muy hábilmente la importancia del Esperanto para los maestros y las escuelas.

La tarde del jueves 16 fué dedicada al tema sobre el Esperanto. El profesor J. Glueck niformó sobre su historia y su evolución y del valor pedagógico del mismo. La concurrencia, que siguió la disertación con evidente interés, premió con nutridos aplausos al orador al finalizar su discurso. La señora Isbrucker y el señor Gsen completaron el informe anterior, con lo cual fueron tres los discursos dedicados al Esperanto, y terminando por convencer a los últimos y escasos escépticos.

El presidente del Congreso, propietario de la famosa escuela "Werkplaats" de Bilahoven, cerca de Utrech, en un breve resumen expresó:

"La comisión del Congreso agotó todas las posibilidades y no reparó en gastos para asegurar el éxito del mismo. Se instalaron micrófonos y altavoces; se construyeron cabinas, en donde los intérpretes traducían. A pesar de que ellos dominaban todos los idiomas hablados en el Congreso, no todos quedaron satisfechos. La causa fué la variedad de idiomas hablados. La falta de una sola lengua para el Congreso". Agregando después: "Antes del Congreso, decidió establecer la enseñanza del Esperanto en mi escuela, no sólo a mis alumnos, sino también a los profesores; yo mismo he de aprenderlo; el estudio del Esperanto será obligatorio en mi escuela".

El conocido catedrático holandés doctor J. H. Gunning, dijo al señor Gluek: "Usted me ha convencido; su discurso demostró claramente que el Esperanto es utilísimo para el estudio de idiomas extranjeros". El famoso profesor Dr. J. Boekke expresó a este mismo: "Creo que usted alcanzó un gran éxito. He seguido su discurso, con el mayor interés".

Muchos maestros, llenos de entusiasmo, compraron libros, y durante el Congreso comenzaron el estudio del Esperanto, dispuestos, más adelante, a enseñarlo a sus alumnos.

En el salón del Congreso se instalaron unos saloncitos aislados, desde donde era posible ver, pero no oir a los oradores hablando ante el micrófono. En estos saloncitos de traducción se sentaban los infelices mortales que ignoraban la lengua del orador: un traductor, munido de unos auriculares, debía escuchar y simultáneamente traducir.

En el mejor de los casos, se llegaba a traducir sólo una cuarta parte de lo que expresaba el orador. Escuchar y traducir simultáneamente es casi imposible. Se comprende el por qué de tantos descontentos.

El fracaso o el éxito de los congresos internacionales, estriba en la imposibilidad de que los concurrentes a los mismos, puedan comprender a tantas personas de distinta habla, o más bien dicho, a la falta de un idioma auxiliar que sea comprendido por todos.



## Los idiomas en los Congresos

Según una estadística de la "Columbia University Press" (N. A.), han sido usados con carácter oficial, en distintos congresos internacionales, celebrados de 1923 a 1939, los siguientes idiomas el número de veces que se indica: Francés, 238; inglés 186; alemán, 161; italiano, 35.

Lo que desgraciadamente calla la estadística, es el tiempo perdido en traducciones, y cuántos fueron los congresistas condenados a silencio, por su escaso conocimiento de las lenguas extranjeras.

************************************

### LA ENSEÑANZA DEL ESPERANTO EN PORTUGAL

En la Escuela Politécnica de Lisboa, se dicta actualmente un curso oficial de Esperanto.

### UNA SECCION DE ESPERANTO, EN LA LIGA INTERNACIONAL DE AMIGOS

La Liga Internacional de Amigos, fundada hace cinco años en Inglaterra, ha establecido una sección esperantista. Esta Liga cuenta en la actualidad con filiales en Bélgica, Checoeslovaquia, Francia, Holanda, Noruega y Suiza. El objeto de esta Asociación es el de crear relaciones amistosas, entre hombres de distintas nacionalidades, mediante viajes reuniones, vacaciones en común etc. La sección esperantista de esta Asociación organizó para el presente año unas vacaciones en las que han de concurrir personas de distintos países. La primera de estas reuniones ha debido celebrarse en Inglaterra del 11 al 25 de Julio y la segunda se realizará en un lugar cerca de Bruselas (Bélgica), del 15 al 19 de Agosto.

La dirección de la Liga es: 13 Tavistock Square Londres W. C. 1.

### UN IMPORTANTE CONCURSO SOBRE EL DESARME

La unión "New History Society" en Norte América (la dirección es East 65 th Street New York), ha publicado las bases de un concurso, que consiste en escribir una obra sobre el tema: ¿Cómo alcanzará la humanidad el desarme general? La mejor obra será premiada con 5.000 dólares.

Los trabajos pueden ser escritos en Esperanto.

### EL ESPERANTO EN UNA ESCUELA INDUSTRIAL

En la Escuela Industrial Superior del Estado de Moravská-Ostrava (Checoeslovaquia) también el Esperanto es enseñado como curso suplementario. Este curso, en el cual concurren 30 personas, la dicta el profesor ingeniero L. Krajc profesor diplomado de este idioma y presidente del club local esperantista.

— Según una información del Servicio Internacional de Radio, durante el año 1935, se realizaron 1.409 transmisiones de radio.

—Durante el último mes de Abril, los concejos deliberante de 18 ciudades y villas de Francia, adoptaron resoluciones tendientes a implantar la enseñanza del Esperanto en las escuelas.



## CRÓNICA MUNDIAL



oficina oficial de turismo tiene un empleado cuyos conocimientos de Esperanto permiten dar toda clase de informes a los esperantistas de paso o de visita en la ciudad.

—En Londres se ha fundado una Federación de esperantistas, la que con el propósito de realizar una acción cojunta, agrupa las secciones políticas de determinadas tendencias y neutrales, que integran el movimiento esperantista de esta capital.

—En Estados Unidos ha sido fundada la Academia de Esperanto, la que controlará la evolución de este idioma en aquel país.

—En el año pasado, ante 15.000 alumnos y 500 maestros de 101 escuelas de Inglaterra, se dictaron unas lecciones de ensayo, con el fin de demostrar la utilidad, la necesidad y la facilidad del Esperanto a los pedagogos y directores de escuelas. Entre los concurrentes a estas leciones se vendieron 6.000 gramáticas de Esperanto.

—El concejo deliberante de la ciudad de Lyón (Francia), emitió un voto, mediante el cual, expresaba el deseo de que el Esperanto se enseñara en todas las escuelas de la ciudad.

—En Grecia 462 alumnos concurren a los cursos de Esperanto, dictados en diversas escuelas secundarias.

—En Helsinki (Finlandia), 70 tranviarios han fundado un grupo esperantista.

*

## Esperantistoj en hispana lernejo

Lernantoj de la lernejo "Naturo", junaj esperantistoj, deziras interŝanĝi korespondadon per poŝtkartoj kun gejunuloj el diversaj landoj por praktiki Esperanton.

Ni petas esperantajn gazetojn kaj eldonejon, ke ili bonvole sendu al ni kondiĉon kaj prezon de sia jarabono, speciale per respondkuponoj. Ni intencas aboni kelkajn el ili por pli riĉigi la enhavon de nia biblioteko esperanta.

Speciale ni petas de ĉiuj esperantaj fakoj aŭ grupoj ilian adreson, ĉar ni havas proponon por efika agado en komuna celo.

Esperanta fako de Escuela Natura (Lernejo Natura) Barcelono (Clot) calle Municipio 12, Hispanujo.

# LA LAGOSTOMO

De E. BALECH

TIU ĉi mambesto apartenas al la ordo de la Roduloj, kaj oni povas diri ke ĝi estas la plej tipa el la sudamerikaj roduloj. En nia lando eĉ estas varoj, kies nomo estas "vizcacha" (argentina popola nomo; elp. viskaĉa).

Ĝi estas la plej notinda mambesto de nia "pampas" (2) kaj ankaŭ ĝi havas tre interesajn kutimojn kaj morojn.

Pri la Esperanta nomo, ni nomas ĝin "Lagostomo", tial ke ĝi estas la unu-nura specio de la genro (Lagostomus). sed tial ke ĝi estas ĝenerale nomata vizcacha, de ĉiuj, kaj eĉ oni donis al ĝi la specian nomon "vizcacha" kaj viscacia, kaj ĝi apartenas al la familio "Viscaciidae", oni bone povus nomi ĝin "viskaĉo".

Mi unue priskribos la beston mem.

Ĝi estas rodulo ¡komparebla, laŭ grandeco, al leporo, sed ne laŭ la aspekto, ĉar ĝi (Lag.) estas malpli gracia, pli peza, ĝi ne havas longajn orelojn, sed sufiĉe longan voston.



La lagostomo havas longajn kaj fortajn lipharojn, kaj la viro havas ankaŭ fortan barbon, de rigidaj survangaj haroj, kiujn ĉe la ino forestas.

La vasta buŝego estas kovrita de densaj, maldikaj kaj mallongaj haroj. Oreloj kulerformaj. Korpo dika; vosto duono de la longeco de la haroza korpo kaj kun pli longaj haroj en la dorso kaj en la malsupro, formantaj du krestojn.

Antaŭaj piedoj malgrandaj, havante mallongajn ungojn, apenaŭ kurbajn la malantaŭaj multe pli grandaj, kun fortaj ungoj kaj longaj haroj.

Larĝaj plandoj, tue senharaj, kun fortaj kaloj ĝis la kalkano. Skeleto sufiĉe simila al tiu de la kojpo kaj de la ĉinĉilio.

La plenaĝaj estas cindro-koloraj kelkfoje preskaŭ dubenigraj malsupra parto de la kolo, brusto, ventro kaj interno de la membroj blankaj.

La plenaĝaj viroj estas ĝis 55 cm. longaj (krome la vosto) kaj pezas eĉ 7 kg., la ino 47 cm. longa kaj ne pezas pli ol 4 kg.

Alia karaktero kiu diferencigas la viron de la ino estas dika "zono", kiun la viro havas en la kapo, kaj kiu etendiĝas ĉiuflanke, de sur la supera lipo ĝis la ekstremo de la supera makzelo; ĉe la ino tiu zono estas apenaŭ videbla.

Tiu ĉi besto. estis dum longa tempo, nekonata de la sciencistoj. Azara. la fama hispana natursciencisto, estis la unua kiu ĝin komplete priskribis (1802). sed ĝi restis nekonata de la aliaj zoologoj ĝis la fino de la jaro 1814, kiam vivanta paro alvenis al Londono.

Kelkajn detalojn ni povas aldoni al la ĉi supra priskribo: La "lingvo" de la lagostomo estas nottinda pro la granda varieco de krioj; ni povas aŭdi specialajn kriojn kiam la viroj manĝas: kriojn fortajn kaj mallongajn, kelkfoje mallaŭtajn, aliajn fojojn ni aŭdas kriojn fortajn kaj rapidajn, kiuj aŭdiĝas je longa distanco, kaj poste fariĝas pli daŭraj kaj malfortaj, aliajn fojojn estas kiel muĝoj, precipe kiam ili estas en siaj galerioj; ankaŭ estas sopiroj, kaj multaj aliaj krioj, kaj ĉiu krikategorio estas varia laŭ la individuoj. W. Hudson, nia bonega zoolo-

(1) Lagostumos maximus (Blain). Brookes. Sciencaj sinonimoj: L. trichodactylus. Callomys vizcacha, Geoffroy et D'Orbigny - Lagostomus vizcacha, Mayen

(11) "Pampas". Sudamerikaj stepoj, konsistigantaj grandan parton de Argentino — Red.

# JAPANA LEGENDO



Takeji Kozuma, japana junulo, kun kiu mi amikiĝis dum lia lernado de Esperanto en Buenos Aires, ofte rakontis al mi diversajn legendojn, komunajn en Oriento, sed al mi- filo de Okcidenta kulturo, tute novaj kaj interesplenaj. El ili unu pli profunde impresis min pro ĝia grandvalora morala instruo kaj, ĉar mia amiko ne plu loĝas en Buenos Aires, sed revojaĝis al Japanujo, mi povos rakonti ĝin, eble ne tute fidele, sed nur laŭ ĝi fluos al miaj rememoroj.

---

Kion sube mi rakontos okazis, laŭ onidiro, jam antaŭ multaj, multaj jaroj.....

En malgranda vilaĝo de japana provinco, staris ĉirkaŭita de ruinoj, kiujn la tempo kreis kiel signon de sia paso, malgranda templo ne ofte vizitata, sed tre respektata de la loĝantoj de tiu regiono, ĉar estis ja sciate de ili, ke tie oni ne pasigas la tempon adorante iun, aŭ alian falsan idolon, sed ke ĝi estas loĝata de junuloj kun denaska pieco, kiuj tie enfermiĝis por lerni perfektiĝon de la homa animo kaj por atingi maksimuman bonecon, kiun iam ili povos uzi por bonfari al la tuta homaro, trakurante tutan mondon.

Inter tiuj memvolaj malliberuloj troviĝis junulo, kies sopiro kaj pasia deziro je rapida progreso al plej granda perfektiĝo, ne permesis al li pacience elporti la ordinaran instruon, al kiu estas submetitaj ĉiuj disĉiploj loĝantaj en la malgranda templo. Kaŭze de tiu brulsimila pasio, tiu disĉiplo estis metata sub la zorgo de la plej maljuna kaj plej saĝa Bonzo de la templo, ĉar oni prave supozis, ke la boneco, mildeco kaj sperto de tiu maljunulo, donos al la malpacienca lernanto, la bezonatan kvietecon por atenti trankvile kaj metode lerni la instruojn, kiujn fin-fine, kaj en la ĝusta tempo, kondukos lin en la deziratan celon...

Pasis jaro post jaro, sed ili ne portis al la junulo la bezonatan trankvilon. La maljuna Bonzo , kiu tute ne ŝatis riproĉi, nek puni siajn disĉiplojn por atingi de ili disciplinon, serĉis kaj serĉis dum multaj tagoj la rimedon, per kiu oni povos sukcese atingi la fininstruon de tiu, tro fervora lernanto, kaj post plurtaga meditado li prenis decidon, kiu, laŭ lia opinio, solvos ĉiujn malfacilaĵojn. Dezirante meti en la praktikon sian planon, tagon li vokis la junulon kaj per afablaj vortoj li parolis al li laŭsekve:

—Kara disĉiplo, via fervoro estas de mi bone konata, mi ankaŭ bone estimas vian senpaciencon ĉar jam de longe mi konstatis, ke ĝi estas produktata de via granda sopiro al rapida perfektiĝo de via animo, sed, kvankam mi estas maljunulo mi ne volas esti rutinulo en la metodoj por instruado.. Mi provis jam por vi ĉiujn ordinarajn metodojn, kiuj estas uzataj por la aliaj disĉiploj viaj kamaradoj, sed ĉar ili ne efikis por doni al vi la rapidan evoluon, kiun vi atendas, mi konsilas al vi submetiĝi al alia procedo, kiu, kvankam ne estas tute nova, tamen estis rezervata ĝis nun, al la disĉiploj jam iom maturaj, laŭ aĝo kaj laŭ ricevita instruo. Mi devas konfesi, ke mi iom hezitis antaŭ ol proponi al vi tiun ĉi novan procedon, ĉar vi estas ankoraŭ tro juna kaj, ĉar la nova instruo, al kiu vi devos submetiĝi postulas ke vi eliru, eble por longa tempo, el tiu ĉi templo, kie vi loĝis ĝis nun, mi timis, ke eble la materia mondo ŝnacelos vin, kaj ke vi falos en koton kiel guto de pluvanta akvo, tamen, mi fine fidas al via arda fervoro kaj mi havas la profundan konvinkon, ke vi sukcesos venki ĉiujn tentojn de vanteco kaj trompa feliĉo, kiuj svarmas en la materia mondo. Nun mi bezonas nur demandi al vi, ĉu vi estas preta submetiĝi al miaj novaj instrukcioj?.

La disĉiplo, kiu komence aŭskultis la vortojn de la bona Bonzo kun maltrankvilo, kredante ke ili portos, aŭ riproĉon, aŭ punon, sereniĝis iom post iom, kaj ricevinte la demandon, respondis:

—Kara majstro, kion ajn vi ordonos al mi, mi blinde akceptos, ĉar mi havas la konvinkon, ke tion vi faros por mia bono kaj por ke mi rapide atingu miajn dezirojn.

—Nu, respondis la Bonzo , jam de morgaŭ vi forlasos tiun ĉi templon kaj eklogos en dezerta arbaro, kie vi kunvivos nur kun la sovaĝa naturo. Vi mem elektu la lokon, kiun vi konsideros plej oportuna kaj plej taŭga por via vivekzisto; kiam vi estos elektinta la lokon, restu daŭre tie, dediĉu vin al tagaj kaj noktaj meditadoj, nutru vin per tio, kio estos plej proksima de vi, kaj revenu al mi, nur kiam vi rimarkos, ke vi estas tiel multe progresinta en via evo-

A. VILLAFRANCA

(Daŭrigota)

---

gisto, diris ke eble ne estas alia mambesto tiel babilema kaj kiu havas tiom da esprimkapablo de siaj sentoj.

La lagostomoj estas sociemaj bestoj. Ili vivadas en societoj de 20-30 individuoj en grandaj kaj komplikaj subteraj galerioj, kiuj havas dekduon aŭ dekvinon da eniraj aperturoj (la nombro de tiuj lastaj dependas de la tero; ĉe malmolaj teroj havas malpli. La truoj estas sufiĉe grandaj kaj proksimaj. Generacioj de lagostomoj vivadas en la samaj kavernoj.

Pri tiuj galerioj, kiuj havas kelkajn tre interesajn detalojn mi priparolos en venonta artikolo.

 POR LA LERNANTOJ 

# Kelkaj fontoj de eraroj (1)

**Por GEORGO**

En la hispana lingvo la verboj **terminar** kaj **comenzar** estas tiel transitivaj kiel netransitivaj, kaj de tio sendube devenas la ofta erar uzado de la verboj fini kaj komenci. En E. fini kaj komenci estas nur transitivaj. Finu la kantadon; la kurso estas finita. Ni komencu la hodiaŭan taskon; tiu vorto komencas la frazon. La laboro komenciĝas je la sepa horo kaj (ĝi) finiĝas je la deksesa. Ni komencas la laboron je la sepa (horo) kaj ĝin finas je la deksesa.

Malgraŭ tio ke bani ankaŭ estas transitiva en la hispana (bañar) ofte montriĝas hezitemo ĉe la uzado de tiu verbo (eĉ en la feliĉaj someraj tagoj). Uzu ĝin kiel en la hispana: bani infanon; Anglujo estas ĉiu flanke banata de la maro. La infano baniĝas; pejzaĝo baniĝanta en la briloj de la suno.

Kaj ankoraŭ aliaj rimarkoj pri transitivaj kaj netransitivaj verboj:

Ofte oni legas "putriĝi", kvankam devus esti "putri", ĉar tiu verbo estas netransitiva. Sekve oni devas diri "Nia hodiaŭa socio putras" (sed ne: "putriĝas"). Kaj: Putrinta pomo, ne "putriĝinta"! — "Ĉesi" estas netransitiva verbo, sekve "la striko ĉesas", sed ne ĉesiĝas"! Kaj mi ĉesigas la laboron", sed ne: mi ĉesas ĝin!

"Sufoki" estas transitiva, dum "droni" estas netransitiva. Sekve, la policano sufokis la virinon, "sed": la besto sufokiĝis pro manko de aero. —Aliflanke: la knabo dronis en la lageto, sed: La generalo dronigis la ribelon en maro de sango.

"Ŝanĝi" (aliigi, transformi) estas transitiva verbo, sekve: La tempoj ŝanĝiĝas", (ne, ŝanĝas), k. "mi ŝanĝis la bileton".

"Tedi" estas transitiva verbo, dum "enui" estas netransitiva. Sekve: Min tedas tiu kantado; sed: Mi enuas pro tiu kantado. — La nepo enuigis sian avinon, k. la onklino tediĝis pro liaj petoj.

"Teruri" estas transitiva, dum "timi" estas netransitiva verbo. Sekve: Lin teruris la noktaj fantomoj. Aŭ: La pensoj pri la estonto timigis lin. —Sed: Mi ektimis, vidante lian palan aspekton. Aŭ: la knabo teruriĝis pro la ekvido de la monstro. — "Naŭzi" havas transitivan k. ankaŭ netransitivan karakteron. Tamen en la 'Plena Vortaro" ĉiuj ekzemploj prezentitaj montras la transitivan karakteron de tiu verbo. Sekve nenio malhelpas, por diferencigi uzi "Naŭziĝo" en la netransitivaj kazoj. "Min naŭzis la vido de tiu sanga spektaklo; k. aliflanke: "Li naŭziĝis pro la rigardo al la kadavroj".

★

**Respondo al G.N.B. en B. Blanca:**

Fonto de eraroj en la vortformado estas ankaŭ la nescio pri la gramatika karaktero (kvalito) de kelkaj radikoj. Tio rilatas precipe kelkajn objektojn, pri kiuj oni devas lerni, ke ilia gramatika karaktero estas substantiva. Tiaj estas: broso, martelo, vipo, k.a. El ili oni derivas; brosi, marteli, vipi, sed ne inverse! Kaj tial tiuj objektoj ne estas formataj per la sufikso -il (sekve eraroj estas la formoj: brosilo, martelilo, vipilo!!).

Se la gramatika karaktero de la radiko estas verba, tiam la apliko de la sufikso -il, por formi la objekton (instrumenton), estas deviga, nome en: ĉizi, ĉizilo; tranĉi, tranĉilo; bati, batilo; falĉi, falĉilo; rasti rastilo, k. aliaj. Oni do devas parkere lerni la gramatikan karakteron de la esperantaj vortoj.

Ĉu por obei al la principo de internacieco, ĉu por pli precizigi la sencon apud la ĝenerala **pafilo** ni trovas: revolvero, fusilo, kanono, mitralilo (maŝinpafilo). Kaj ankaŭ apud metikaj profesi-nomoj derivitaj per ist ni trovas: tajloro, kelnero, komizo, soldato, pastro, anstataŭ: vestfaristo, (tablo) servisto, k.tp. Krom simpleco ankaŭ precizeco devas esti kvalito de E., la plej moderna lingvo.

---

(1) Adaptita el "La Lernanto".

## La Imperiestro Karlo kaj la Abatejo sen zorgoj

FLANDRA RAKONTO

Vojaĝante tra sia regno la imperiestro Karlo de Flandrujo, iutage troviĝis antaŭ abatejo kies unika pordeto montris la surskribon: "Ĉi-tie oni vivas sen zorgoj"

—Ĉu eble, pensis la regnestro, kiu apenaŭ kredis siajn okulojn, ĉu ekzistas iu sur la tero kiu scipovas vivi tute senzorge? Mi ĉiutage devas cerbumadi, senzorga mia kapo neniam estas kaj, en jena abatejo, la vivo estus sen ia nubeto? Ekstera ŝajno, mensoga allogilo, li konkludis.

Direktinte siajn paŝojn al vilaĝa gastejo, li vokigis la abaton, kiu tute konfuzite aperis antaŭ la altranga vojaĝanto. La imperiestro esprimis sian miron kaj postulis klarigojn pri la senzorga vivo en la abatejo.

La abato tute trankviliĝis kiam li ekscius la kaŭzon de la imperiestra scivolemo, kaj, kun serena vizaĝo, li ridetante respondis: "Imperiestra moŝto, pli simpla afero ja ne ekzistas: ni manĝas, trinkas kaj dormas, kaj pri la cetero zorgas la Sinjoro".

"Nu, estimata abato, tio ne plu povas daŭrigi tiel, kaj por ke vi ankaŭ foje havu zorgojn, mi postulas de vi respondon al jenaj tri demandoj Unue, kiom profunda estas la maro? —Due: kiom da bovinvostoj oni bezonas por mezuri la distancon de via abatejo al la suno? — Trie: Kion mi opinias? — Morgaŭ je tagmezo mi ĉi tie atendos viajn respondojn".

Kun sulkoplena frunto, malgaja mieno kaj klinita kapo la abato malrapide paŝis al la abatejo. For estis lia senzorgeco. ĉar, ju pli li klopodis trovi la respondojn, des pli li konvinkiĝis ke li neniam sukcesus solvi tiujn problemojn. Finfine li decidis peti konsilon al la muelisto, kiu estis konata kiel tre ruza viro.

"Ĉu pro tiaj bagateloj vi maltrankviliĝas?" kompatis la muelisto. "Mi

## El Emperador Carlos y la Abadía sin preocupaciones

CUENTO FLAMENCO

Viajando por sus dominios el emperador Carlos de Flandes se encontró cierto día ante una abadía cuya única puertecita mostraba este escrito: "Aquí se vive sin preocupaciones".

—¿Es posible, pensó el monarca, que apenas podía dar crédito a sus ojos; ¿existe acaso alguien sobre la tierra que pueda virir completamente sin preocupaciones? Todos los días yo debo devanarme los sesos; sin preocupaciones, mi cabeza jamás está, y ¿en esta pequeña abadía la vida transcurriría sin la más ligera nube? Apariencia exterior, cebo engañador, concluyó.

Luego de encaminar sus pasos hacia una hostería aldeana, hizo llamar al abad, quién todo confundido, apareció ante el linajudo viajero. El emperador le expresó su admiración y exigió aclaraciones acerca de la vida despreocupada de la abadía.

El abad volvió a tranquilizarse al saber la causa de la curiosidad imperial y, con rostro sereno, le contestó sonriendo: "Alteza imperial, no existe cosa más simple: comemos, bebemos y dormimos, y de lo demás cuida el Señor".

"Y bien, estimado abad; ésto no puede seguir así; y para que también usted tenga preocupaciones, le exijo una respuesta a estas tres preguntas: Primero: ¿Cuán profundo es el mar? Segundo: ¿cuántas colas de vaca se necesitan para medir la distancia desde su abadía hasta el Sol? Tercero: ¿qué opino yo? Mañana a medio día esperaré aquí sus respuestas".

Con la frente arrugada, la cara triste y la cabeza gacha, el abad se encaminó lentamente hacia la abadía. Su despreocupación se hallaba ya lejos, porque cuanto más se esforzaba por encontrar las respuestas, tanto más se convencía de que nunca sería capaz de resolver esos problemas. Por fin se decidió a pedir consejo al molinero, hombre conocido como muy astuto.

"¿Por esas bagatelas se intranquiliza usted?", se compadeció el moline-

## Algo sobre el Esperanto en Bulgaria

"A poco de aparecer la "Lengua Internacional del doctor Zamenhof", fué introducida en Bulgaria gracias a la proximidad de nuestro país con la antigua Rusia zarista, y, principalmente, a las activas relaciones políticas, económicas y culturales entre los rusos y búlgaros de entonces. No son pocos los esperantistas búlgaros que mautuvieron correspondencia con el Dr. Esperanto, y que hasta lo conocieron personalmente. En el Primer Congreso Esperantista en Boulogne-Sur-Mer (1905) participaron esperantistas búlgaros que hablabán el Esperanto tan bien y con tanta fluidez como la lengua de sus padres. Entre esos esperantistas nos contábamos varios maestros. Hoy también hay en el país un buen número de maestros esperantistas".

"La lengua y el movimiento se difundieron con intensidad entre nuestro magisterio y los estudiantes, durante el quinquenio 1920-1925".

## La internacionalidad de nuestros idiomas

Hay mucha gente que todavía cree, con más buena fe que conocimiento, que para hallar una solución al problema de la comprensión entre los pueblos de distinta habla, bastaría con elegir uno de nuestros idiomas, como internacionales.

La solución de un problema de sí dificilísimo, sería para ellos, la cosa más simple del mundo. Para darse cuenta de las dificultades que se hallarían para encontrar la fórmula que plugiera a todos, bastará considerar la nota que insertamos a continuación:

En Kobe (Japón) tenía que celebrarse una conferencia entre las compañías de navegación japonesas y holandesas de la India. Los japoneses propusieron que fuera su lengua la que debía emplearse en la conferencia; por su parte, los holandeses insistieron en que fuera la inglesa. Como no fué posible ponerse de acuerdo, la conferencia que se creyó necesaria, no se pudo realizar.



ordigos tiun aferon kun Kaĉjo!". Kaj la postan tagon li surmetis la abatan robon kaj tiel alivestite li aperis antaŭ la potenca regnestro.

"Nu, kara abato, ĉu vi trovis la respondojn?" severmiene lin alparolis la imperiestro.

"Jes, certe, via moŝto".

"Mi aŭskultas".

"Imperiestra moŝto, la maro estas unu ŝtonĵeto profunda. Por mezuri la distancon de mia abatejo al la suno oni nur bezonas unu bovinvoston, kondiĉe ke ĝi estus sufiĉe longa. Kaj via moŝto opinias ke antaŭ vi staras la abato, sed estas la muelisto".

Aŭdinte tiujn respondojn la imperiestro tutkore ekridegis kaj... la zorgoj estis denove for de la abatejo.

ro. "Yo pondré en orden este asunto con Carlitos". Y al día siguiente se puso el hábito del abad, y así cambiado apareció ante el poderoso soberano.

"Y bien, querido abad: ¿ha encontrado usted las respuestas?", habló el emperador con rostro severo.

"Sí, ciertamente, alteza.

"Escucho".

'Alteza imperial: la profundidad del mar es un tiro de piedra. Para medir la distancia de mi abadía al sol, sólo se necesita una cola de vaca, a condición de que sea bastante larga. Y su alteza opina que aquí se encuentra el abad, pero es el molinero".

Al oir estas respuestas, el emperador se rió de todo corazón y... las preocupaciones volvieron a alejarse de la abadía.



# BIBLIOGRAFIO

JARLIBRO DE LA SVEDA FEDERACIO. 1936. Box 693, Stockholm. — Pli ol multaj dikaj volumoj aŭ reklamiloj ĉi preskaŭ sekaspekta broŝuro certigas al ni, foraj esperantanoj, pri la firmeco de nia movado. Ĝi ja atestas pri persista kaj inteligenta laboro, kiu jam ne povos esti forbalaita, malgraŭ "velkantaj folioj". Kaj vere la Sveda Esperanta-Movado estas vigle floranta branĉo de la Esperanto-arbo.

◆ TUTMONDA FAKADRESARO DE INTERNACIA LIGO DE LA ESPERANTISTA POST-KAJ TELEGRAF - OFICISTARO. 1936 — Enhavo: Antaŭparolo de Petro Filliatre, ĉefaj atingoj de Esp. ĉe P. T. T.-sferoj. regularo de la Ligo. La adresaro: esperantisttaj gekolegoj, fakaj asocioj, fakorganoj, teknikaj revuoj, kaj filatelia mondo.

Bone prezentita adresaro, kiu certe helpos la disvastigon de Esp. inter poŝtistoj kaj ILEPTO'n inter esperantistoj.

Sed pri latinamerikaj landnomoj mankas sistemeco. Haitio kaj Salvadoro ne esperantigitaj: Haiti, Salvador; Kolumbio anstataŭ Kolombio; Perujo (?) anstataŭ Peruo; Guatemalo anstataŭ Gvatemalo; (kvankam por la geografiaj nomoj latinamerikaj mi preferus konservi la ŭ, ekzemple Urugŭajo); kaj Meksiko anstataŭ Meksikio, ĉar la unua estas la nomo de la urbo kaj la dua de la lando. Mi bone komprenas, ke pri landnomoj neniu riskus diri la lastan vorton, sed almenaŭ oni uzu unuecan sistemon tra la tuta verko, kaj ne nur por la Eŭropaj landoj.

◆ ¿QUE ES EL NATURISMO? Eld. Asociación de Cultura Naturista, Belgrano 359, Kordobo — Hispanlingva broŝuro por propagando de naturkuracado kaj vegetarismo verkita de nia klera kaj aktiva samideano doktoro Jaime Scolnik.

Kaj kiel organo de la suprenmencita kordoba societo ni ankaŭ ricevis la unuan numeron de "Síntesis Naturista", en kies interesaj paĝoj ni trovas priesperantajn artikolojn kaj reklamon por la korespondaj kursoj de "A.E.A.". Verŝajne inter ambaŭ ismoj — naturismo kaj esperantismo— ekzistas pli ol unu nesupozebla kunligo. ĉar Esperanto ne nur estas lingvo kaj naturismo nur higiena sistemo, sed krom tio, kaj eble antaŭ ĉio, du kulturmovadoj celantaj trans nian mizeran mondon al pli homa civilizo.

"ETRE LIBRE - Organe de diffusion de la pensée libre et des enseignements de Krishnamurthi. Prix 1 belga — 15 Boulevard Bauouin Bruxeles. Belgique.

WARUM ESPERANTO? WARUM DEUTSCHER ESPERANTO-BUND?. — Dresden 1936. — Germanlingva grandformata broŝuro. Prezo ne montrita.

TURISMAJ PROSPEKTOJ EL LA LANDO DE LA XXVIIIa.— AUSTRIO— 32 paĝa. Multaj fotoj, landkarto, utilaj sciigoj.

KARINTIO — 16 paĝa. Granda, kolora montar-karto, fotoj.

KLAGENFURT — 8 paĝa. Pri la lago Worth.

La suprajn gvidilojn sendas kontraŭ 1 resp. kupono: Stadtisches Frmdenverkehrs-Buro, Klagenfort.

◆ ESPERANTO GILTZA — Ŝlosilo en la baska lingvo laŭ la konata sistemo. Eldonis Grupo Esperantista de Bilbao.

**J. HESS**

## Nekrologio

Nia malova amiko kaj samideano Antonio Viia Maynon suferis ne ripareblan perdon kaŭze de la malapero por ĉiam de lia edzino Antonia C. de Vila, dum la pasinta junia monato.

—Ankaŭ dum la monato Julio, S-ino J. B. de Casanovas, bopatrino de nia bona amiko A. Villafranca, lasis nian mondon.

—Lasthore oni komunikis al ni la malaperon de la S-ino Vizcondesa Herminia S. G. de Porcel, patrino de nia estimata samideano E. Saint Georges.

ARGENTINA ESPERANTISTO k. A. E. A., sincere bedaŭras tian malbonokazintaĵon kaj sendas al S-noj Vila, Villafranka, Saint Georges kaj respektivaj familioj sincerajn kondolencojn.

## U. E A. Centra Oficejo

En Genevo, je la 4a. de Julio, tri-persona komisiono kontrolis la ensenditajn voĉdonilojn, kaj konstatis, ke la rezulto de la voĉdonado estas jena:

Dissenditaj voĉdoniloj, 1400. Resenditaj validaj voĉdoniloj 901, el kiuj 710 aprobis la translokigon de la Centra Oficejo al Londono, kaj 191 voĉdonis kontraŭ ĝi.

De nun oni sendu ĉiujn leterojn, gazetojn, ktp. por UEA al **142, High Holborn, London, W.C.1, Anglujo**. Ni ordigos ĉion kiel eble plej rapide, kaj esperas ke tre baldaŭ la oficejo tiel bone funkcios, ke ne plu okazos prokrasto en respondoj al leteroj aŭ liverado de dokumentoj kaj libroj. Ni esperas ke ĉiu Esperantisto kiu povas, aliĝos aŭ realiĝos al UEA por helpi ĝin en la plej danĝera momento de ĝia vivo. La jarlibro estas jam preta kaj povas esti sendata tuj post la ricevo de la kotizo. Mi kaj miaj kunlaborantoj celas kontentigi ĉiun membron, kaj pro tio ricevi de ili tiun fortan subtenon kaj helpon sen kiu, neniu asocio povas sukcesi.

●

## Jubileo de du poetoj

En la kadroj de la nunjara Hungarlanda-Kongreso, kiun aranĝas la Hungarlanda Esperanto Societo la 15-an de aŭgusto. dum la tagoj de la postkongreso, okazanta 15-18 de aŭgusto kaj aranĝata de la Hungara Esperanto--Federacio, oni festos ankaŭ la 25 jaran jubileon de Julio Baghy kaj Kalomano Kalocsay.

Ambaŭ poetoj ĉijare finas la dudekvinan jaron de sia esperantistiĝo. Je tiu okazo la aranĝantaro invitas ĉiun esperantiston al Budapest. Por pli solenigi la feston, volonte la aranĝantoj legos ankaŭ salutleterojn, kies parto aperos en la Jubilea Albumo eldonota de la aranĝanta komitato je tiu okazo.

Salutleteroj estas sendotaj al la adreso: D-ro. Francisko Szilagyi, Budapest, VII., Peterdy-u 38. Hungarujo. por Baghy-Kalocsay jubileo.

En la nomo de la komitato: D-ro Francisko Szilayi.

●

## Tridek jaroj travivis la Esperanto movado en Japanujo

La unua centra organizo de Esp. en Japanujo estis fondita la 12an de junio de 1906. Definitive la ''Japana E. Instituto'' estis organizita en la fino de la jaro 1909. La tuta membraro de J. E. A. transiĝis al J. E. I.

Okaze de la tridekjara datreveno, J.E.I. aperigis specialan numeron de ''La Revuo Orienta'', Bedaŭrinde, ''pro manko de spaco kaj mono'', krom la redakciartikolo, la abunda materialo sur la 122 paĝoj de la revuo aperas nur japanlingve.




MALNOVA KURACILO

Kuracisto — Vere via gorĝo estas tre ŝvelita. Ĉu vi iam provis gargari salumitan akvon?

Maristo — Jes tute certe, ses fojojn mia ŝipo subakviĝis.

AKVAJ DANĜEROJ

Drinkulo kiu ĉeestis la eltiron de droninto el la rivero, parolis jene:

—Jen al kio kondukas la akva trouzo!!

PLENE TRAFA

—Doktoro, mi venas al vi por danki vian lastan recepton.

Ĉu tiel bone ĝi efikis al vi?

—Jes, mi ĝin donis al mia onklo... kaj nun mi estas lia heredanto...

POR BONE KANTI

—Dotkoro, ĉu vere la ovoj faciligas la kantadon.

—Tute certe. vi nur rigardu la kokinojn, tuj kiam ili deponas la ovojn ili ekkant.

## KORESPONDADO

Trilinia anonco en Koresp Fako 0.30 arg. mono

S-no P. J. Campos — Sendu 100 PM. el via lando, recipoke mi sendos PM, el Ameriko, Mi interŝanĝas PM., librojn, k.t.p. Villa Angela, Chaco, Argentino,

Johano E. Diaz — Serodino, F. C. C. A. Argentino. Deziras interŝanĝi L. pĉt., P. I. P.M. kĉl., precipe Sudameriko (krom Argentino), Certe resp. almenau unufoje.

Demetro Palomino — Llapa, Hualgayoc, Dpto. Cajamarca. PERU — Deziras korespondadon kĉl. pri kulturaj kaj pedagogiaj temoj. Certe respondos.

Tomás Diez Trabadelo — Arano, F.C.S.— Argentino — Verkisto, deziras korespondaĉon pri literaturo kaj geografio. L., P. I.

D-ro F. Rico Eguibar, 24 jara. Deziras korespondi kun fraŭlinoj. Esperante aŭ hispane, pri literaturaj temoj. Campomares 26, Oviedo. Hispanujo.